# BELGA ESPERANTISTO

43a Jaro - N-ro 5a - Decembro 1951

DUMONATA REVUO, OFICIALA ORGANO

DE



REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo, aliĝanta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, BRUSELO

Respondeca redaktoro : D-ro P. Kempeneers.

## 36a Belga Kongreso de Esperanto

BEZOEKT
BRUGGE
KUNSTSTAD.

*Kliŝo Servo Turismo. Brugo.*

Vizitu Brugon, artan urbon...

*... de la 31a de Majo ĝis 2a de Junio 1952*

BELGA ESPERANTISTO
OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

43a Jaro Decembro 1951 N-ro 5a

# 36a Belga Kongreso de Esperanto

*« Unu Belga Nacio, unu nacia Ligo, unu Belga Kongreso. »*

**Bruĝo, 31a de Majo ĝis 2a de Junio 1952.**

## DUA KOMUNIKAJO

La L. K. K. daŭrigas la pristudadon de la kongresprogramo, kiu havos specialan karakteron pro la samtempa festado de la 50jara jubileo de la organizanta grupo. Detaloj de nun ne estas haveblaj, ĉar ne jam definitivaj, sed koncerne la lundan ekskurson estas proponata aŭtoĉaran viziton de la marbordo kun speciala atentigo al la vidindaĵoj de Knokke, Zoute, Het Zwyn, la haveno de Zeebrugge, k.t.p.

Intertempe la samideanoj ne forgesu ke ili multe helpos la organizantojn, ĝirante de nun sian kongreskotizon de 50 fr. al la P. Ĉ. K. n° 3766.98 de « Belga Kongreso de Esperanto ».

## HONORA KOLONO

**Honora kolono.** — En tiu listo de unuaj partoprenontoj, aperinta en nia Oktobra numero, enŝoviĝis preseraro. Post korekto kaj kompletigo la fino de la listo ĝis nun aperas jene :

57. S-ino M. Van Roye (Heule). — 58. S-ro G. Vermandere (Antverpeno). — 59. S-ro J. Vermeersch (Bruĝo). — 60. S-ro J. Verstraeten (Antverpeno). — 61. S-ro Weyn (Bruselo). — 62. S-ino Weyn (id.). — 63. S-ro J. Verdier (id.). — 64. S-ro J. Timmerman (Gento). — 65. S-ro L. Van Wassenhove (Bruĝo). — 66. S-ino M. Van Wassenhove (id.). — 67. S-ino H. Schoofs (Antverpeno). — 68. S-ro E. Jacques (Bruselo).

## DENOVE UNU JARO PASIS

Rapide alproksimiĝas la jarfino. Kiel kutime ni rerigardu al la pasinta jaro, ni klopodu diveni la estonton...

1951 estis brila jaro por nia Belga movado. Niaj klopodoj ricevis sian rekompencon per nova pliealtigo de la nombro de niaj membroj. La « Verda Stelo » en Antverpeno meritas specialan laŭdon. La senlacaj klopodoj de ĝia Prezidanto, S-ro Jaumotte, kiu estas samtempe Vic-prezidanto de la Ligo, havis grandan sukceson, kaj multaj novaj membroj pligrandigis la nombron de la « Verdstelanoj ».

Nia jara kongreso disvolviĝis en Bruselo kaj ĝuis favoran akcepton de la urba administrantaro. Multaj ankoraŭ memoras la surprizekskurson, per tramo, kiu montris al ili malmulte konatajn partojn de la valona Brabanto.

La Universala Kongreso en München ankaŭ lasis bonajn memoraĵojn al la partoprenintoj. Pro malsano de la Prezidanto de U. E. A., mi havis la honoron prezidi ĝin.

Por la venonta jaro invitas nin Bruĝo, por ĉeesti, je Pentekosto, la jubilean kongreson okaze de la 50a datreveno de la starigo de la Unua Esperanta Grupo en Belgujo; invitas nin Oslo por la 37a Universala Kon-

greso. Ni ĉiuj tuj sendu nian aliĝon al ambaŭ, tiel helpante la organizantojn de tiuj belaj Esperantaj festoj.

Ni esperas, dum la venonta jaro, pliampleksigi nian agadon, kaj ni kalkulas ke agemaj samideanoj helpos al ni, prenante sur sin unu el la multnombraj taskoj, kiuj ĉiutage postulas novajn zorgojn.

La daŭra plialtiĝo de la preskostoj kaj de ĉiuj aliaj necesajoj devigis la administrantaron alpreni decidon kiu jam estis necesa de pluraj jaroj, plialtigante la jaran kotizon, kiel faris ankaŭ aliaj Esperanto-organizaĵoj. Ĝi ne facilanime alprenis tiun decidon, kiu tamen estis nun urĝa, se ni ne volas ke nia agado estu tute haltigata.

Verŝajne kelkaj strabe rigardos al la kasisto, kiel al sia impoŝtricevisto, sed ili tamen pagu, kiel eble plej rapide, pensante ke tiu malgranda monofero ebligas la laboron de tiuj kiuj malavare donas sian tempon, siajn fortojn kaj ankaŭ **sian** monon por la progreso de nia movado.

P. KEMPENEERS.

## MONTRU AL S-ro W. CHURCHILL KE ESPERANTO VIVAS

Dum la dua mondmilito la brita koalicia registaro apogis Basic English laŭ instigo de la Ĉefministro, S-ro Winston S. Churchill. Poste la socialista registaro daŭrigis tiun apogon, elspezante pli ol £ 40.000 por aĉeti la kopirajton de tiu projekto kaj starigi specialan instituton por antaŭenigi la lingvon kiel internacian. Sed, kiel multaj antaŭvidis, la projekto ne prosperis en tiu rolo. Eble ĝi havas kelkajn kvalitojn kiel enkondukilo al normala angla lingvo; sed eĉ pri tio estas tre diversaj opinioj. Tamen, kiel internacia lingvo ĝi estas senŝanca.

Parenteze, estas interese rimarki, ke post sia unua interesiĝo pri Basic English S-ro Churchill ŝajne neniam publike deklaris sin je ĝia favoro — tio ne surprizu nin, konsiderante lian agnoskitan altan kulturan aprezon kaj uzon de la angla lingvo.

Pri unu afero, tamen, ne estas dubo : nome, ke lia intereso pri Basic English fontis fundamente el sincera deziro, ke popoloj de la mondo ne plu suferu lingvajn ĝenojn en siaj internaciaj rilatoj. Tion atestas komentoj liaj faritaj longe antaŭ la milito kaj lia influiĝo de la Basic English ideo.

Nun, ek de la 25a de Oktobro, 1951, kiel gvidanto de la konservativa partio, S-ro Churchill estas denove Ĉefministro. Estus bone se la Esperantistaro signus ĉi tiun okazon demonstrante al li, la disvastecon de nia lingvo kaj viglecon de ĝia anaro. Estus rekomendinde, ke oni tute forgesu la Basic English epizodon, kaj sendu al li simplajn taktajn leterojn aŭ poŝtkartojn en Esperanto, petante ke li rekomendu Esperanton kiel interkomprenilon inter la popoloj, kaj valoran faktoron en la kreo de amikeco kaj la konservado de la paco. Ju pli da skriboj el laŭeble multaj landoj, sendepende de politika koloro, des pli bone.

Adreso : S-ro Winston S. Churchill, 10, Downing Street, Londono, W. 1.

## GRAVAJ SCIIGOJ

**— Niaj belgaj abonantoj ricevas, kun ĉi tiu kajero, numeron de « La Voix de l'Amérique » en kiu troviĝas artikolo pri Esperanto. Ili skribu al la Usona Ambasadoro por peti pliajn elsendojn en Esperanto.**

— Jarlibro de U. E. A. 1951, dua parto, kun listo de lernejoj kie Esperanto estas instruata, kaj kun resuma raporto de la progresoj de Esperanto dum la pasinta jaro.

Liverata nur al individuaj membroj de U. E. A.

Informoj pri kotizoj 1952 troviĝas sur la 4a paĝo de la koverto de nia gazeto.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO

## Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».

*(Poŝtĉeknumero : 726.54)*

La 7an de Septembro, la Prezidanto antaŭ la staranta kunvenintaro, eldiris funebran adiaŭon al la malvona samideano Louis Ritschie, kiu mortis 83jara. Poste sekvis Parolata Jurnalo. La 14an, en la daŭrigo de la ferioj raportoj, F-inoj Heyens, Paula De Ketelaere kaj Leibovitche kaj S-roj Vercruyssen kaj Verstraeten rakontis agrable pri diversaj vizititaj regionoj de en- kaj eksterlando aŭ sprite pritraktis libertempan okazintaĵon. La 21an, S-ro M. Jaumotte skizis la historion de « La Verda Stelo » dum la unua kvaronjarcento, pro kio S-ino Schoofs kortuŝite dankis. Ekspozicio montris multajn interesaĵojn pri la vivo de la Grupo. La 28an, post priparolo de vojaĝo al Bruĝo, S-ino Van den Diesse tre beletristike parolis pri sia libertempo, post kio sekvis amuza vespero.

La postan tagon, sabaton, la 29an de Septembro, tuta karavano da Verdastelanoj kun familianoj, per tri aŭtobusoj, vojaĝis Bruĝen, por viziti la lumigadon de la urbo, kiun ĉiuj, gvidataj de lokaj samideanoj, povis plene admiri. S-ro Jaumotte kaptis la okazon por prelegi, en la Bruĝa Grupo, por ne-esperantista publiko, pri « Esperanto kaj Ruĝa Kruco ».

La 5an de Oktobro, S-ro J. Verstraeten gratulis la prezidanton okaze de lia promocio al direktoro administranteco de la industria societo, kiun li gvidas; post kio sekvis la kutima parolata jurnalo. La 12an, F-ino Hélène Hofkens faris tre atente aŭskultatan paroladon pri « La Steloj » kaj S-ro De Backer, amatora astronomiisto, dankis ŝin pro la lerta maniero, laŭ kiu ŝi pritraktis kaj klarigis nefacilajn problemojn. La 19an, S-ro R. Van Eynde montris, unufoje pli, belajn filmojn, per kiuj li rikoltis belan sukceson. La 26an, S-ino Lecat paroladis, detale kaj sciencе, pri « Sekreta Egiptujo ».

La 2an de Novembro, nova plena sukceso por la Parolata Jurnalo, al kiuj multaj partoprenis kaj la 9an okazis diskutvespero pri « Sporto », enkondukata de F-ino R. Vanistendael, sed al kiu partoprenis plej vigle granda aro da samideanoj, al kiuj la prezidanto daŭre respondis. La 16an, kaspleniga ekspozicio kun lotumado de sesdeko da objektoj de la membroj memfaritaj. Temis pri riĉa montrado de individuaj talentoj kaj la Festestrino F-ino H. Toussaint meritas entuziasman aplaŭdon pro la preparado kaj sukcesigo de tiu vespero, same kiel pro la bela parolado pri vojaĝo al Italujo, kiun ŝi faris la postan vendredon, la 23an. Kaj la 30an, sekvis intima, sed tre sukcesa, koncerta vespero, organizita de S-ro Peelman, pri kiu ni raportos en sekvonta numero.

*Programo de la venontaj kunsidoj.*

Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw », Frankrijklei, je la 20 h. 30.

*Decembro.* — La 7an, parolata jurnalo; la 14an, Zamenhof-vespero; la 21an, parolado de S-ro M. Jaumotte, « Parizo, urbo de la U.N.O. kaj de multaj aliaj specialaĵoj »; la 28an, amuza vespero; la 29an (Sabaton), Kristnaska festo (kun dancado).

*Januaro 1952.* — La 4an, parolata ĵurnalo kun temo « Jarkonkludo, rerigardo al la pasinta jaro »; Dimanĉon, la 6an, je la 16a horo, en la restoracia salono de la Aviadila Stacio, *Jarfesteno*, okaze de la 45jara jubileo de la Grupo; la 11an, parolado de S-ro Aug. Faes; Lundon, la 14an, *Komenciĝo de nova printempa elementa kurso*, gvidota de S-ro Jaumotte; la 18an, Ĝenerala Jarkunsido kun Diplomdisdono al la lernintoj de la vintra kurso; la 25an, amuza vespero.

*Februaro.* — La 1an, parolata ĵurnalo; la 8an, parolado de F-ino Mathilde Hofkens; la 15an, diskutvespero; la 22an, filmvespero; Sabaton, la 23an, *Karnavala Balo*; la 29an, parolado de S-ro H. Sielens.

*Marto.* — La 7an, parolata ĵurnalo.

BRUĜO

## Bruĝa Grupo Esperantista.

*(Poŝtĉeknumero . 1835.35)*

Dum la kunveno de la 11a de Septembro okazis amusa debato rezervata al la gefraŭloj pri la temo « Por aŭ kontraŭ edziĝo ». La edziĝintaj gemembroj singardeme silentis kaj

aŭskultis kun amuzo tiun « diskuton de blinduloj pri koloroj ».

Sabaton, 29an de Septembro, venis al Bruĝo per tri aŭtoĉaroj, tuta karavano de Antverpenaj samideanoj sub gvidado de ilia prezidanto, S-ro Jaumotte. Tiu lasta faris en la grupa sidejo, publikan nederlandlingvan paroladon pri Esperanto. La kunveno okazis sub la aŭspicioj de la provinca organizaĵo kaj de la urba sekcio de la Ruĝa Kruco de Belgujo, reprezentataj de S-ro Carlens, provinca sekretario kaj de diversaj aliaj estraranoj. Multaj Ruĝkrucanoj ĉeestis kaj kun la cetera publiko tute plenigis la salonegon. S-ro Jaumotte elokvente kaj konvinkige prezentis sian temon, samtempe aludante pri la parenca idealo de la Ruĝa Kruco. Post la kunveno, la Antverpenaj kaj Bruĝaj samideanoj kune vizitis la belegajn lumigadojn de la Bruĝaj kanaletoj. Estis agrabla kaj ripetinda okazo de intergrupa interfratiĝo.

Nova kurso malfermiĝis la 2an de Oktobro, inter la enskribiĝintoj estis kelkaj Ruĝkrucanoj. Tiu kurso estas daŭrigata dum la unua horo de ĉiu marda kunveno.

La 9an de Oktobro, S-ro Karlo Poupeye (filo), interese paroladis pri sia specialaĵo : « Elektroniko ».

La unua balo de la nuna vintra sezono okazis Sabaton 27an de Oktobro. La sukceso preterpasis ĉiujn antaŭajn: la belega dancejo « Tabarin » preskaŭ estis tro malgranda por enteni la multnombrajn dancemulojn, kiuj plejparte restis ĝis la 3a matene, kaj tiam nur kontraŭvole ĉesigis la amuziĝon. Kvar Antverpenaj gesamideanoj honorigis tiun balon per sia ĉeesto : S-ino Schools, S-ro Vermandere, S-ino Beernaerts kaj F-ino Toussaint.

La 6an de Novembro, S-ino Verplancke antaŭlegis belan priskribon pri sia vojaĝo al Londono, kaj vigla triopa interparolado kun posta raportado agrabligis la kunvenon de la 13a de Novembro.

Krom tio, la parolata gazeto aperas ĉiumonate kun kreskanta sukceso. En la numero de Oktobro, F-ino Yvonne Poupeye parolis pri la signifo de la antaŭnomoj, S-ro Ch. Poupeye pri tiu de la familiaj nomoj, kaj S-ro J. Vermeersch eĉ prezentis, per la helpo de la nigra tabulo, kelkajn karikaturojn kun parolata teksto.

*Programo de la venontaj kunsidoj.*

Ordinara kunveno, ĉiumarde je la 20a, en la sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or ». Dum la unua horo de ĉiu kunveno : leciono de la elementa kurso. Dum la dua horo :

*Decembro 1951.* — 4an, portretludado; 11an, parolata gazeto; 18an, surpriza vespero, ĉiu alportu nekonatan donaceton; 25an, Kristnasko, kunveno ne okazos; 29an (Sabaton), je la 19 h. 30, jarfina festeto, vespermanĝo. Detaloj komunikotaj pli poste.

*Januaro 1952.* — 1an, Novjaro, kunveno ne okazos; 8an, parolado de S-ro C. Bruet, « Kvar jarojn en Kongo Belga »; 15an, Ĝenerala Kunsido de la grupo; 22an, parolata gazeto; 29an, parolado de S-ro J. Vermeersch pri « Dentofabrikado », poste humoraĵoj.

*Februaro 1952.* — 5an, kanta vespero; 12an, parolado de F-ino Y. Poupeye, « Beethoven »; 19an, parolata gazeto; 26an, triopa interparolado kun posta raportado.

BRUSELO

## Esperantista Brusela Grupo.

*(Poŝtĉeknumero : 1230.48)*

Antaŭ kelkaj semajnoj nin adiaŭis S-ro Ledeganck, kiu elmigris al Kanado. Li estas fervora esperantisto, kaj li sendube daŭrigos sian poresperantan laboron en sia nova patrolando.

La lundaj kunsidoj disvolviĝis laŭ la antaŭvidita programo. Ilin ĉeestis aro da fideluloj al kiuj regule aldoniĝas novaj membroj. Inter la faritaj paroladoj, ni citu aparte tiun de nia juna amiko Petit: unuan fojon li parolis publike kaj bone klarigis la misterojn de televidado; ankaŭ menciinda estas Jean-Claude Vandevoorde kiu parolis pri abeloj: lian tekston ilustris filmo pri abelbredado, preparita de D-ro Kempeneers.

Tri kursoj okazas nuntempe en la grupo : elementa kurso gvidata de S-ino Ernst; kurso laŭ rekta metodo gvidata de S-ino Weyn, perfektiga kurso speciale destinata al la malnovaj membroj, gvidata, unu fojon en la monato, de S-ro Van der Stempel. Ĉiuj kursoj estas regule ĉeestataj.

La 1an de Oktobro estis solene disdonitaj la premioj destinitaj al la laŭreatoj de la parolata gazeto por la jaro 1950-1951. S-roj Genin kaj Castel ricevis la plej grandan nombron da poentoj por la diversaj verkoj prezentitaj dum la jaro. Samtempe F-ino Kestens ricevis premion ĉar ŝi ĉeestis ĉiujn kunsidojn dum la jaro.

Dimanĉon la 21an de Oktobro okazis nia jara festeno arangîita honore al S-ino Elly Staes, kiu esperantiniĝis antaŭ 45 jaroj: S-ro Castel nome de Brusela Grupo, S-ro J. C. Vandevoorde, nome de la familio, S-ro Jaumotte nome de R.B.L.E. kaj S-ro Kempeneers, nome de la Internacia Movado, esprimis al S-ino Elly Staes dankojn kaj laŭdojn.

Kvardeko de esperantistoj, inter ili S-roj Mathieux, Soyeur (Seraing) imponа grupo de Antverpenaj amikoj gvidataj de Ges-roj Jaumotte, ĉirkaŭis la festatinon dum la festeno, kiu okazis en Hotelo Bedford, en Bruselo.

La 12an de Novembro, S-ino Weyn brile kondukis la vesperon « Gajeco tra la Historio ». Kun kompleta programo ŝi gvidis siajn gelernantojn kiuj ĉarmis nin per kantado, dueto, deklamado, poezio, pantomimo kaj danco. Tondro da aplaŭdoj kaj nia himno here kantita fermis tiun agrablan kunsidon.

*Programoj de la estontaj kunvenoj.*

Ĉiulunde, je 20 h. 30. Ejo: Brasserie Saint Martin, place du Grand Sablon, 38, Grote Zavel.

*Decembro.* — La 3an, parolata ĵurnalo: dimanĉon, la 9an, je la 15a, S-to Nikolao vizitos la grupon: la 10an, prezentado de filmoj pri antaŭaj kongresoj; la 17an, perfektiga kurso de S-ro Van der Stempel.

*Januaro 1952. — Dimanĉon la 6an, ekskurso al Antverpeno por partopreni la festenon arangîtan de la « Verda Stelo », okaze de sia 45jara jubileo; la festeno okazos en la Ariadila Stacio, je la 16a. Enskribojn akceptos nia kasistino;* la 7an, parolata ĵurnalo; la 14an, S-ro L'Host « La birdoj de Eŭropo », kaj aŭdigo de diskoj; la 21an, perfektiga kurso de S-ro Van der Stempel; la 28an, Ĝenerala jara kunsido: raporto de la eliranta komitato; elektoj.

*Februaro.* — La 4an, parolata ĵurnalo; la 11an, S-ro Genin « Belaj memoraĵoj; la 18an, perfektiga kurso de S-ro Van der Stempel: la 25an, S-ino Castel, « Karnavalo kaj gastronomio ».

*Marto.* — La 3an, parolata ĵurnalo: la 10an, S-ro Jirousek, « Reklamo ĉitie kaj aliloke »; la 17an, perfektiga kurso de S-ro Van der Stempel; la 24an, S-ro Jacobs, « Nova universala kalendaro »: la 31an, S-ro Weyn, amuzo vespero.

GENTO

**Genta Grupo.**

La kunsidoj de Genta Grupo de R. B. L. E. okazos la 8an kaj 22an de Decembro, la 12an kaj la 26an de Januaro 1952, je la 17a, 1, Bisdomkaai, Gent. Dum ĉiu el tiuj kunsidoj grupan(in)o legos mallongan redaktajon de si, okazontan debaton en kiu ĉiu ĉeestanto partoprenos.

---

## GRATULOJ

Al niaj Vic-prezidanto kaj Administranto, S-roj Maur. Jaumotte kaj Henri Sielens, prizidinto kaj kasisto de la sekcio Antverpeno-Limburgo de la Belga Ĝenerala Asocio de Jurnalistoj, pro la Medalo de la « Rompita Plumo », kiun ili akiris, dum ceremonio organizita de tiu Asocio, honore de la ĵurnalistoj, kiuj, dum la Milito, interrompis sian gazetaran laboron.

Al S-ro Maur. Jaumotte, prezidanto de « La Verda Stelo », okaze de lia promocio kiel Administranto-Direktoro de la A. S. « Usinos ».

Al Ges-roj Toussaint kaj Ges-roj R. Thibau-Toussaint, gemembroj de « La Verda Stelo », pro la naskiĝo de nepino kaj filino Rita, kiu tuj iĝis membrino de « La Verda Stelo ».

Al Ges-roj De Backer, gemembroj de « La Verda Stelo », okaze de ilia arĝenta edziĝjubileo.

Al S-ro Henri Bas, filo de nia malnova brusela amiko kaj samideano Lodewijk Bas, okaze de lia edziĝo.

Al Ges-roj H. Castel, membroj de Esperantista Brusela Grupo, kiuj festis la 30an datrevenon de sia geedziĝo, la 26an de Novembro 1951.

## ĈIAM VERA

En la jaro 1913 « La Revuo », internacia monata gazeto, publikigis ĉapitrojn el verko de S-ro van Stipiaan Luïscius, ano de la « Internacia Societo de Esperantistaj juristoj ». El ili ni ĉerpas jenon, kiu ĉiam estas vera :

**Patrujamo.** — Patrujamo ne nur konsistas el tio, ke oni amas sian patrujon, sed ke oni bone traduku sian patrujon. Patrujamo ne nur konsistas el tio ke oni scias morti por la patrujo, sed ankaŭ ke oni scias vivi por sia lando. Patrujamo ne nur ekzistas en tempo de danĝero sed ankaŭ en tempo de sendanĝereco Patrujamo ne konsistas el ekscititeco, sed en kvieta sindono. Patrujamo staras kontraŭ partiemo. Patrujamo ne egalas kun malamo al aliaj landoj, sed devas kuniri kun frata korinklino por, kaj frata trakto al, aliaj landoj. La plej alta patrujamo ne estas la zorgo por la intereso de la lando, sed la zorgo por la honoro de la lando. Ne por niaj sampartianoj, sed por niaj samlandanoj ni unue devas vivi, kaj poste kiom eble plej multe por la fremduloj.

**Pacamo.** — La milito estas la plej granda malfeliĉego de l'homaro, ne nur pro la korpa kaj financa suferado, kiun ĝi kaŭzas, sed ankaŭ kaj precipe, ĉar ĝi ofte pravigas tiun, kiu estas malprava. La naturo alportas batalon, la civilizacio alportas pacon. Bismarck diris : « sen batalo ne vivo »; li devus esti dirinta : « sen paco ne civilizacio ». La sovaĝa homo volas batalon, la civilizita homo volas pacon.

Pacamo ne estas nevira. Ne estas vire kaŭzi al iu suferon aŭ maljustecon Oni povas esti kuraĝa, ne estante militema; oni ne povas esti samtempe justa kaj militema. Oni estu pacama en la hejmo, en la socio kaj sur la mondscenejo. Ankaŭ la ŝtatoj estu justaj kaj pro tio pacamaj. Nur en la paco oni povas apliki siajn virtojn, plivastigi sian konon kaj ĝui sian feliĉon. En la pasinteco oni ne estis pacama, kaj la sovaĝuloj ne ankoraŭ estas tiaj; nun ni estas sufiĉe civilizitaj por esti pacamaj. La milito estas malnoviĝinta. La milito ja fariĝis tiel multekosta, ke la venkinto tamen perdas.

Certe patrujamo kaj justeco stara pli alte, ol pacamo. En tempo de urĝeco ni devas defendi nian landon kaj por justa afero, se necese, ni batalu, sed ni ne batalu nenecese, kaj feliĉe la milito ne plu estas necesa. Ĉiu ŝtato nun povas akiri sian rajton sen milito, ĉiu lando povas sin defendi minacante per milito. Ni devas esti armitaj, sed pacamaj. La kortumo de arbitracio ne povas dissolvi ĉiujn malkonkordojn, sed ĝi faras ĉiun batalon nenecesa.

Pacamo trahakigas la nodon, kiu ne povas esti malplektita. Pli bona estas armita paco ol milito.

La armita paco certe ne estas idealo, eĉ nur pro siaj grandegaj kostoj, sed sen la armiloj la paco ne estas subtenebla. Ankoraŭ ĉiam estas vera : « Kiu volas la pacon, preparu sin por la milito », kaj ankaŭ la rajto inter la ŝtatoj en lasta instanco estu subtenata per la armeo. Nia idealo estu : unu komuna armeo por subteno de paco kaj rajto inter la ŝtatoj. Tiam por la ŝtatoj nur estas bezonataj malgrandaj apartaj armeoj por subteno de paco kaj rajto inter propraj limoj. La kortumo de arbitracio nenecesigis la militon; la komuna armeo devas malebligi la militon.

C. V.

---

### DANKOJ

BRUSELO. — *S-ino Elly Staes kore dankas ĉiujn samideanojn, kiuj amike montris sian simpation al ŝi okaze de la festeno de la 21.10.1951.*

### ANONCETO

— José Maria Vila, Asturias, 30, 3°, 1°, Barcelona, España, deziras interŝanĝi poŝtmarkojn kun belgaj filatelistoj.

NIA VOĈO — ORGANO DE LA JUNULARA SEKCIO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA —

1a Jaro Decembro 1951 N-ro 5a

# PAŜO POST PAŜO EN ESPERANTO

I.

En nia enkonduko ni diris, en ĉiu artikolo pri nia lingvo ni legas, kaj dum ĉiu parolado propaganda ni aŭdas, ke Esperanto havas nur 16 regulojn gramatikajn.

Ni rapide restudos tiujn 16 regulojn. Poste ni iom post iom pritraktos « detalojn » kiuj tamen estas tiom influaj kaj valoraj, se oni volas « paroli » nian lingvon en la vera senco de la vorto.

Ĉiuj el ni posedas la utilan verketon « Fundamento de Esperanto ». Ni reprenu tiun libron, kiu restas por ni la bazo de ĉio, kaj ni kontrolu mem le regulojn.

**A. La alfabeto kaj la prononcado.**

La Esperanto-alfabeto havas 28 literojn kiujn vi ĉiuj konas.

Zamenhof mem skribis pri tiu alfabeto : « La alfabeto de nia lingvo konsistas el 28 literoj, kiuj servas por esprimi la sonojn la plej multe komunajn al ĉiuj plej gravaj lingvoj. Tiuj ĉi 28 sonoj ne ekzistas ie aparte en formo difinita kaj severe limigita; ili estas post longa pripensado kaj provado elektitaj el la grandega nombro da diversaj sonoj trovataj en la diversaj homaj lingvoj... » (En « La Esperantisto », n-ro 35, 1891.)

Pri la prononcado ni ne devas multe diri, kvankam ĝi estas ege grava.

Ni tamen volas fari du konstatojn :

— Multaj esperantistoj kiuj ne havas la okazon multe paroli en nia lingvo devas de tempo al tempo repreni sian kursan lernolibron kaj kontroli la prononcmanieron de ĉiuj literoj.

Multaj post kelka tempo ne plu faras klaran diferencon inter la akcentitaj kaj la korespondantaj ne-akcentitaj literoj : inter h kaj ĥ, inter g kaj ĝ, inter j kaj ĵ, inter s kaj ŝ. Aliflanke ili sufiĉe ofte diras ĵ por ŝ aŭ j anstataŭ ĝ k.t.p.

— Koncerne la vokalojn ni volas substreki ke oni ne povas elparoli ilin tro longe. La nomo de nia lingvo estas : Esperanto. Nu, en tiu nomo ni trovas : e - e - a - o. Generale oni bone prononcas tiun nomon kaj neniu parolas pri Eeespeeraaantooo. Ekzistas do neniu kialo fari tion en aliaj vortoj.

**B. La akcento.**

Grava regulo : la akcento ĉiam kuŝas sur la antaŭlasta silabo de la vorto. Ne ekzistas esceptoj en Esperanto ! Ĉiam do ankaŭ ĉiam signifas : ĉiam.

Mi sufiĉe ofte aŭdas grupanojn kiuj NE estas novuloj, kaj kiuj ĝenerale bone elparolas la diversajn « malfacilajn » vortojn en nia lingvo, sed kiuj en la plej simplaj, en la plej mallongaj preskaŭ ĉiam eraras kaj kiuj parolas pri ĉiAM kaj NENiu anstataŭ diri ĈIam kaj nenIu. Tiuj eraroj faras tre malbonan impreson.

Se ni volas atenti tiun simplan regulon pri la akcento kaj se ni volas severe respekti la prononcmanieron de la diversaj literoj, ni kapablas legi kaj prononci ĉiun vorton, ĉiun tekston, eĉ la plej malfacilan en Esperanto. Ni povas tion post du horoj se ni volas kaj tiun rezultaton oni nur havas post monatoj aŭ post longaj jaroj ĉe la aliaj lingvoj.

**Ekzerco.** — Ni ree studu la prononcadon laŭ nia « Fundamento de Esperanto ».

Ni **laŭtvoĉe** legu § 1, § 2, § 3 kaj § 4 en la « Ekzercaro ».

Ni plurfoje atente laŭte prononcu, sub serioza kontrolo, ĉiujn korelativojn.

H. S.

# ESPERANTO KURSO KAJ ESPERANTO-GRUPO en la Reĝa Ateneo de Antverpeno.

En la kadro de la uzado de la mardaj posttagmezoj je klerigaj celoj, komenciĝis en la Reĝa Ateneo de Antverpeno, en la komenco de Novembro, elementa kurso de Esperanto, gvidata de S-roj Jaumotte kaj Sielens.

La iniciato de tio kurso venas de nia juna samideano Jozef Vinck, kiu sekvis la lastan kurson de « La Verda Stelo » kaj kiu petis unuan permeson al la Prefekto, S-ro Cardon.

Post vizito de la du profesoroj, tiu ĉi lasta konsentis pri la starigo en la « Ateneo » de Esperanto Grupo, kies prezidanto estus S-ro Vinck, lernanto de la plej alta klaso, kaj pri la gvidado, ĉiumarde posttagmeze, de Esperanto-kurso.

Tridek lernantoj de la kvar plej altaj klasoj enskribiĝis por la kurso kaj, post kelkaj lecionoj, S-ro Sielens pli speciale atentos pri la vivigo de la nova grupo, kiu havos estraron, konsistantan el lernantoj de la diversaj klasoj, kun la espero starigi tie ion daŭran, kio evoluos en tiu Lernejo, kiel kelkaj aliaj beletristikaj kaj sportaj societoj.

Gratulojn al niaj antverpenaj amikoj kaj atentigon al ĉiuj grupgvidantoj pri la ebleco akiri similan sukceson en samaj lokaj Institucioj.

## 36a UNIVERSALA KONGRESO de Esperanto en München.

### Postkongresa semajno en Bad-Kohlgrub.

La partoprenintoj al la postkongresa semajno, ĝuis la kvintesencon de la belecoj de la Bavaraj Alpoj. Dank'al la sindonema gvidado de S-ro Thalmaier, ni multe pliriĉigis niajn konojn rilate al naturo, historio, arto kaj moroj de la regiono de Garmisch. De la agrabla atmosfero, kiu tuj regis je nia alveno kiam oni bonvenigis nin per muziko kaj esperantaj kantoj de la infanoj ĝis la ĉarmplena adiaŭa vespero, kies gajeco kaŝis la emocion de la baldaŭa disiĝo, ĉiuj punktoj de la densa programo efektiviĝis plenharmonie kaj plensukcese.

J. P.

## NOVAJETO

GUATEMALO

— *El Imparcial* ĉiutaga grava jurnalo en Guatemala, publikigis en Decembro tralan redaktajon hispanlingvan de nia samideano D-ro Jules Bonge, delegito de U. E. A. La priskribitaj temoj estas : La celo de Zamenhof; la kleriganta valoro de Esperanto; la kompleta fundamenta gramatiko; la celoj de U.E.A.; raporto pri la esperanta movado en Guatemala respubliko; kaj fine, teksto esperanta, kies tradukon faru la legantoj.

Estas dezirinde ke niaj Belgaj ĵurnaloj sekvu la ekzemplon de *El Imparcial*.

## RADIO — SCIIGOJ

HILVERSUM II (298 m.) elsendas lunde je 23.20-23.40 kaj vendrede je 23.30-24.00 koncerton (diskoj) kun Esperanto-lingva anoncado de la programpunktoj.

La kompletan Esperanto-radio-kalendaron vi trovos en *Le Moustique*. Petu *hodiaŭ* specimen-ekzempleron ĉe : *Le Moustique*, 41, rue Destrée, Marcinelle, ne forgesante mencii, ke vi speciale interesiĝas pri la Esperanto-kroniko.

Flandralingvanoj, kiuj deziras, ke simila kroniko aperu en la flandralingva *Humoradio*, skribu tuj, eĉ se nur poŝtkarton, al : *Humoradio*, 21, Ommeganckstraat, Antwerpen.

## BIBLIOGRAFIO

FAULHABER, F. — *Tra la labirinto de la gramatiko*. Handleiding bij de beoefening der Esperanto-grammatica, eveneens ten dienste van hen, die zich bekwamen voor cursus-leider of examen willen doen.

Jus aperis nova represo de tiu ampleksa verko, la *plej taŭga perfektiga kurso por nederlandlingvanoj*.

Restas kelkaj antaŭmenditaj ekzempleroj, kiujn ni akiris je favorprezo kaj vendas en la samaj kondiĉoj je 70 fr. ĝis elĉerpiĝo de la provizeto. Kiu malfruos pagos la fiksitan vendoprezon de 85 fr.

Mendu ĉe BELGA ESPERANTO INSTITUTO, 26, Oostenstraat Antwerpen. Pĉk. 1689.58. Antaŭpagintoj ĝuos preferon.

## KIEL ONI OFICIALIGOS ESPERANTON ?

Kiam al esperantisto oni demandas : « Kion vi faras por ke Esperanto oficialiĝu? » Oni recevas plej ofte la jenan respondon : « Kion mi povus fari? Tio ne estas mia tasko. » Kaj la sama persono kiu nenion povus fari, tre facile konsilas : « Oni devus propagandi pli grandskale; oni devus sendi milionojn da cirkuleroj; fari bruon saman al tiu kiu estas farata antaŭ elekto de
— Bone, Sinjoro, ĉu vi povas havigi al la estraro de nia Ligo 23.000
deputitoj aŭ de urbaj konsilantoj; k. t. p. »
« sterlingajn » funtojn? Per tio ni povus fari multe da bruo. Sed ĉu vi opinias ke brua reklamo sufiĉus? Esperanto ne estas varo, kiun la publiko volonte aĉetas pro tuja agrablo aŭ plezuro; Esperanto estas intelekta afero, ne amuzilo.

Ni supozu ke la regnestraroj de kelkaj landoj estus akordiĝintaj por fari samtempajn enketojn pri eventuala uzo de Esperanto en siaj interrilatoj. Tiuj regnestraroj nomos kompreneble komisionojn. Tia komisiono ne konsistos el esperantistoj, ĉar ĝia tasko estos kontroli ĉu la asertoj de la esperantistoj estas veraj; ĝi do petos esperantist(in)ojn partopreni lingvajn eksperimentojn; tiuj eksperimentoj konsistos el tradukoj, parole kaj skribe, en esperanton, de naci-lingvaj tekstoj, ne pri historietoj, sed pri komercaj, industriaj, financaj... temoj; pri kontraktoj kaj leĝoj. Oni volos kontroli ĉu Esperanto vere taŭgas por ĉiuj temoj en ĉiuj fakoj.

**Konkludo.** — Esperantistoj, se vi volas la venkon, pretigu viajn armilojn : daŭrigu la ĝisfundan lernadon de Esperanto; ekzerciĝu per temoj de via profesio; kaj... Ne forgesu pagi vian kotizaĵon (se eble duoblan), por ke ni povu pligravigi la diskonigon de la ideo pri la helpa lingvo, kaj forigi el la publiko la antaŭjuĝojn, kiujn subtenas kontraŭuloj de Esperanto. Vi mem propagandu parole inter konatuloj; maltimu kontraŭdirojn. Kredo sen ago estas kredo senviva. Antaŭen por la oficialigo.

B. L.

---

## FOR LA TIMEMO

La antaŭeniro de Esperanto, haltigita dum la milito, kaj en iu lando pli frue, rekomencis; sed ĝi ne estas sufiĉe rapida. Ĉu vere estas esperantistoj kiuj timas montri al konatuloj sian esperantemon ? La respondo ŝajnas esti jesa, ĉar en la revuo « Esperanto » de U. E. A. aperis alvoko de S-ro Tibor Sekelj, el kiu ni ĉerpas tion ĉi :

« Por lerni la internacian lingvon oni bezonas uzi ĝin en ĉiuspecaj homaj » rilatoj, profitante ĉiun okazon por ĝia praktika aplikado. Se ni limigas nian » esperanton al la klubaj kunvenoj kaj al la ilustritaj poŝtkartoj, ĝi ĉiam sonos » en niaj oreloj kiel fremdaĵo. Kun bedaŭro sed kun necesa sincereco, ni konfesu » ke 80 % de nia samideanaro ankoraŭ baraktas kun la gramatiko kaj la » elparolo eĉ dum la plej simpla konversacio. Ni forigu la timemon : kiam ni » renkontiĝas kun alia esperantano, ni ekparolu en la internacia lingvo kvazaŭ » en la ordinara lingvo de ambaŭ; multaj okazoj montris al mi ke aŭskultantoj » (ne esperantanoj) en tiaj cirkonstancoj konvinkiĝas pri ĝia praktika uzado. »

* * *

Plie, S-ro Sekelj konsilas ke dum vojaĝo eksterlande ni ĉiam alparolu vendistojn, oficistojn, kelnerojn, k. t. p., en Esperanto; kaj se ili ne komprenas, ni miregu kaj diru : « ĉu vere vi ne parolas Esperanton ? »

PROPAGANDA SECRETARIO.

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

Koopera Societo. **26. Oostenstraat - Antwerpen.** Poŝtĉekkonto 1680.58

*Abismoj*, J. FORGE (originala romano) ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... fr. 36.—
*Advokato Patelin*, BRUEYS & PALAPRAT ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 5.—
*Akbar*, VAN LIMBURG BROUWER (orienta romano) ... ... ... ... ... ... ... 50.—
*Al Torento*, St. ENGHOLM ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 13.—
*La Amo en la Jaro Dekmil*, ELOLA (Berenguer) ... ... ... broŝ. 45.—, bind. 60.—
*La Amuzistoj*, ZAMACOIS ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 10.—
*Anni kaj Montmartre*, SCHWARTZ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 20.—
*Anstataŭa Edzino*, MAXWELL... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 48.—
*Arboj de la Arbaro kaj Kampo*, F. BOOTH ... ... ... ... ... ... ... ... ... 8.—
*Ariel*, J. R. RODO ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 49.—
*Aŭstralio, lando kaj popolo*, DELSUDO & LAIHO ... ... ... ... ... ... ... 40.—
*La Aventuroj de Marteno Drake*, G. NORWAY ... ... ... ... ... ... ... ... 58.50
*Barbro kaj Eriko*, SCHNEIDER-CARLSSON (letera romaneto) ... ... ... ... ... 7.—
*Batalo pri la Domo Heikkila*, LINNANKOSKI ... ... ... ... ... ... ... ... ... 7.—
*Batalo de l'vivo*, DICKENS (L. L. Zamenhof)... ... ... ... ... ... ... ... 32.—
*Bela Joe*, SAUNDERS (aŭtobiografio de hundo) ... ... ... ... ... ... ... ... 30.—
*Belga Antologio* (flandraj aŭtoroj) ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 60.—
*Bengalaj Fabeloj*, LAKSHMISWAR SINHA... ... ... ... ... ... ... ... ... 5.50
*Bietje*, M. SABBE (teatraĵo) ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 5.—
*Bonhumoro*, P. NYSSENS ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 30.—
*La Botistoj*, KIVI (komedio en 5 aktoj) ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 14.—
*Bukedo I & II*, rakontoj de diversnaciaj aŭtoroj, kune ... ... ... ... ... ... ... 0.—
*Burĝonoj*, V. SETALA (infanoj en poezio kaj fotografio) ... ... ... ... ... ... 100.—
*Ĉu vi scias ?* W. M. APPLEBY (200 demandojn kaj respondojn)... ... ... ... ... 7.50
*Danco de Skeletoj*, UJAKU AKITA... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 14.—
*Dancu Marionetoj*, J. BAGHY ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 25.—
*Dekdu Poetoj*, KALOCSAY ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... bind. 60.—
*La Demando pri la Plibonigo de la Muzikskribo*, L. COGEN... ... ... ... ... ... 1.—
*De Paĝo al Paĝo*, L. TOTSCHE ... ... ... ... ... ... ... broŝ. 15.—, bind. 60.—
*De Tutmonda Perforto al Tutmonda Frateco*, G. F. WATES ... ... ... ... ... 27.—
*Devo de Reĝo*, N. DE TIERE (Teatraĵo) ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 5.—
*Dialogoj kaj Komedietoj*, E. DAHL ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 5.50
*Dibuk*, AN-SKI (Rappoport), dramo ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 6.—
*Diverskolora Bukedeto*, F. V. LORENZ (poemoj el 40 lingvoj) ... ... ... ... ... 19.—
*D-ro Dorner*, H. L. EGGERRUP ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 60.—
*Dokumentoj de la Rezistado* (en Germanujo 1933-1945)... ... ... ... ... ... 20.—
*La Dormanto Vekiĝas*, H. G. WELLS ... ... ... ... ... ... broŝ. 20.—, bind. 38.50
*La du Amatinoj. La Kapricoj de Mariano*, A. DE MUSSET ... ... ... ... ... ... 15.—
*Du Majstronoveloj*, Th. STORM ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 33.—
*Ekspedicio Kon-Tiki*, THOR HEYERDAHL (ilustrita) ... ... ... ... ... ... ... 175.—
*Elektitaj Noveloj*, L. BAEKELMANS ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 12.—
*El la Verda Biblio*, I. LEJZEROWICZ ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... bind. 35.—
*Enciklopedio de Esperanto*, KOKENY, BLEIER, ŜIRJAEV, 2 vol. ... ... ... ... ... 300.—
*Enkonduko en la Studadon de la Spiritisma Doktrino*, A. KARDEC ... ... ... ... 8.—
*En Okcidento nenio Nova*, E. M. REMARQUE ... ... ... ... ... ... ... ... ... 107.—
*Esperanta Krestomatio*, DE HOOG, KALMA, KRUIT, VAN ZON ... ... ... ... ... 30.—

*Esperanta Legolibro.* V. SETALA ... 35.—
*Esperantistenliefde.* D-ro W. VAN DER BIEST (komedio en 1 akto) ... 5.—
*La Esperanto-Klubo.* E. MALMGREN (fondado, programoj, k.t.p.) ... 5.50
*Esperanto kaj Kulturo.* R. TROGEL ... 5.—
*La Esperanto-Movado,* STOP-BOWITZ & ISBRUCKER ... 25.—
*Esperanto 60 jara.* G. J. DEGENKAMP (skizo pri la evoluo de la lingvo literaturo). 30.—
*La Fabelo de la Granda Turo kaj la Malgranda Doktoreto.* H. Fischer ... 3.—
*Fabiola.* KARD. WISEMAN ... 120.—
*Fabloj de Jean de la Fontaine* (Thévenin)... 24.—
*La Faraono.* B. PRUS (Kabe), 3 vol... 150.—
*La Fera Kalkanumo.* J. LONDON ... 35.—
*Ferio kun la Morto.* K. LINDQUIST ... 19.—
*La Fianĉiĝo. Lea.* AL. KIVI (du teatraĵoj)... 8.—
*La Fino.* FOLKE BERNADOTTE ... Luksa eld. ... 68.— Popol. eld. ... 30.—
*Flirto.* Lord DAN. A. SJ ... 2.—
*Fontamara.* I. SILONE ... 47.—
*La Forto de l'Vero.* ADI (romano por komencantoj) ... 25.—
*Fundamenta Krestomatio.* L. L. ZAMENHOF ... 80.—
*La Fundo de l'Mizero,* SIEROSZEWSKI (Kabe) ... 12.—
*Funebra Parolado pri Louis de Bourbon,* BOSSUET ... 10.—
*Gaja Leganto per Esperanto.* P. E. SCHWERIN ... 8.—
*Galerio de Zamenhofoj.* E. WIESENFELD ... 12.—
*Geedzeco.* VAN DER CAMMEN P. J. A. ... 4.—
*Georgo Dandin.* MOLIERE (L. L. Zamenhof), komedio en 3 aktoj ... 16.—
*Gösta Berling.* S. LAGERLOF... broŝ. 82.—, bind. 110.—
*La Granda Aventuro kaj aliaj noveloj.* F. SZILAGYI ... broŝ. 44.—, bind. 55.—
*Gvidilo tra la Esperanta-Movado,* G. P. DE BRUIN ... 15.—
*Ĉoja Podio,* R. SCHWARTZ ... broŝ. 49.— bind. 63.—
*Helsinki.* Lumo kaj Ombro ... 115.—
*Hindo rigardas Svedlandon,* L. SINHA ... 45.—
*Historia Skizo 1908-1955 U. E. A.,* H. JAKOB ... 12.—
*Historio de Esperanto,* E. PRIVAT, 2 vol. ... 56.—
*Historio de Kristo,* G. PAPINI ... broŝ. 60.— bind. 90.—
*La Homaj rasoj de la Mondo,* R. NORDENSTRENG ... 36.—
*Homarisma Laboro,* KENELM ROBINSON ... 8.—
*Homoj en Milito,* A. LATZKO ... 47.—
*Humanitaristaj Principoj & Internacio de la Intelektuloj,* E. RELGIS ... 6.—
*Hungara Antologio* ... broŝ. 200. bind. 230.—
*Ifigenio en Taŭrido,* GOETHE (L. L. Zamenhof), dramo ... 30.—
*Infanoj de Betlehem,* SELMA LAGERLOF ... 8.—
*Infanoj kaj Patrinoj,* D. CANFIELD FISHER ... 38.50
*Infanoj en Torento,* STELLAN ENGHOLM, 2 vol. ... 55.—
*Inferio,* H. J. BULTHUIS ... 52.—
*La Influo de Vegetarismo al Moralo kaj Socia Progreso,* K. NEBENZAHL ... 3.—
*Inicado Matematika,* LAISANT... 9.—
*Interlingvistiko kaj Esperantologio* ... 31.—
*Internacia Frazaro,* KENNGOTT ... 12.—
*Internacia Kantaro,* P. BENNEMANN ... Teksto ... 20.— Muziko ... 32.—
*Internacia Legolibro,* KENNGOTT ... 18.—

## MUUSSES ESPERANTO-BIBLIOTEKO

Pro preseraro, la indikoj pri ĉi tiu librokolekto en la Oktobra numero de « Belga Esperantisto » fariĝis neklaraj. Bonvolu legi : Fr. 5.50 po numero (n-ro 4 kostas fr. 8.—). Bonvolu plie noti ke, Serio I ampleksas numerojn 1 ĝis 10 kaj Serio 2 11 ĝis 19.

# NIA VOĈO

DUMONATA GAZETO

1a Jaro - N-ro 5a
- Decembro 1951 -

FONDITA
1922

ORGANO DE LA JUNULARA SEKCIO
DE
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA
A. S. P. C.

ADRESO : 19, av. Montjoie, BRUSELO

Respondeca redaktoro : J. Verdier.


## 36a Belga Kongreso de Esperanto

Bruĝo, 31-5 ĝis 2-6-1952.



*Kliŝo Servo Turismo - Bruĝo*

LA VERDA KAJO

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 10, avenuo Montjoie, Bruselo.

*Vic-Prezidanto* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenue De Bruyn, Wilrijk-Antwerpen.

*Ĝenerala Sekretario* : S-ro Cl. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.

*Sekretario* : S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie-José, Woluwe-Saint-Lambert-Bruselo.

*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

| | A. | B. | C. |
|---|---|---|---|
| I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo: rajtigas ricevi la nacian gazeton « Belga Esperantisto » kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... | 25,— | 50,— | 100,— |
| *Familia membro* (same, escepte la gazeton) ... ... ... ... | | | 50,— |
| II. *Membreco kun individua aliĝo* al la internacia organizaĵo : | | | |
| a) *Membro kun Jarlibro* : kiel simpla membro; ricevos krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... ... ... ... | 75,— | 100,— | 150,— |
| b) *Membro Abonanto* : kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton « Esperanto » ... | 165,— | 190,— | 240,— |
| c) *Membro Subtenanto* : kiel membro abonanto; pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... ... ... ... | 250,— | 275,— | 350,— |

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas almenaŭ 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

A. Kadetoj (ĝis 18 j.); B. Junuloj (ĝis 21 j.); C. (21 j. kaj pli).

## BELGA ESPERANTO INSTITUTO

Koopera Societo

*D-ro L. L. Zamenhof* (1859-1917), *Aŭtoro de Esperanto*. — Reproduktaĵo sur poŝtkarto, de la bildo de nia Majstro pentrita kaj donacita al Internacia Esperanto-Muzeo, Wien, de artpentristo Ach. Bentos. Eldono « Esperanto », Oostenstr. 26, Antwerpen. Prezo : Fr. 2,—. La sama bildo estas havebla kiel vera fotografaĵo. Prezo : poŝtkartformato : Fr. 10,—; 24 x 30 cm. Fr. 65,—; 30 x 40 cm. Fr. 100.

Imp. LIELENS, s.p.r.l., 13, rue de la Princesse, Brux. — Tél. 21.10.98